„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. S 2.35, 1/4 j. S 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. Redakcio kaj administracio: Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826·

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 9/10 (123 en la vico). Wien, la 10. de oktobro 1935. 12. jaro

## Invito al Bulgarujo.

La 21. de aŭgusto mi veturis kun miaj edzino kaj filo al Bulgarujo. Plej rekomendinde estas uzi ŝipon de Donaudampfschiffahrt Ges., kiu nin kondukis dum pli ol 3 tagoj sur nia Danubo ĝis Ruse en Bulgarujo. Unue ni timis, ke tiu longa vojaĝo enuos kaj tro lacigos nin. Sed vere ni tion ne sentis. La tempo preterpasis rapide, la restado sur la ŝipo estis agrabla, la manĝajoj bonaj kaj sufiĉaj kaj ankaŭ la noktigado bona en la kajuto, se ankaŭ tiu estis iom malvasta. Sidante sur la ferdeko en komodaj kuŝseĝoj ni ĝuis la belan, ofte ŝanĝiĝantan pejzaĝon tra 6 landoj, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Hungarujo, Jugoslavio, Rumanujo kaj Bulgarujo.



Bulgaraj Kampar-kostumoj

Priskribi ĉi tiun vojaĝon ne estas la tasko de ĉi tiuj linioj. DDSG., la aŭstria ŝipkompanio, eldonis tre belan gvidlibron kaj donas detalojn pri la tuta vojaĝo.

Do la 24. matene ni alvenis en Ruse kaj jam antaŭ la albordiĝo ni vidis flirti ĉe la bordo la E.-flagon, ĉar eble 20 anoj de la tieaj grupoj atendis nin ĉe la kajo. Afable prezidanto Kleiner salutis nin kaj la s-anoj ĝojigis miajn edzinon kaj filon per enmanigo de bukedoj. Veturile ni veturis al la bela vilao de s-ano prez. Kleiner, kiu en plej amika maniero disponigis al ni sian domon dum nia restado en Ruse. Ni loĝis tie unu nokton bonege, bona antaŭsigno por nia restado en Bulgarujo, tiu simpatia lando kun ĝiaj gastama popolo kaj gastamegaj, oferemaj samideanoj.

Kontraŭe de Ruse ĉe la alia bordo de Danubo situas la rumana Giurgiu. Ruse estas la plej granda haveno bulgara ĉe Danubo kaj havas belajn konstruajojn, promenadojn, bonajn hotelojn.

Ni rigardis la urbon kun 55.000 loĝantoj, kiu havas eksterordinare grandan etendiĝon kaj ni estis posttagmeze gastoj en la vinberejo de s-ro Kamburoff, kie ni kun nia gvidanto s-ano Kovaĉef estis afable akceptataj de la familio Kamburoff. Belajn horojn ni travivis tie manĝante bonegajn vinberojn. Koran dankon pro la afabla akcepto. Vespere ni estis kune en granda rondo de esperantistoj ĉe bona vespermanĝo ĝis meznokto. Inter la aliaj ĉeestis la estrarano de BEA kapitano Radev, ges-roj Kotov ktp. La 25. sept. frumatene ni devis forveturi al Varna kaj nia ĝentilega gastiginto s-ano Kleiner akompanis nin al la stacidomo, kie ankaŭ s-ro Kamburoff estis, por diri al ni adiaŭ. Vere kortuŝa estis la akcepto en Ruse.

Post la 13 h ni alvenis en Varna kaj en la stacidomo s-anoj Dimov kaj Sapunĝiev, ambaŭ nomiĝas Georgi, (en tiu lando ĉiuj viroj nomiĝas Georgi aŭ Ivan!) atendis nin. Per veturilo ni veturis al nia loĝejo, kiun donis al ni la prezidanto de E.-societo „Albatro“, s-ano Jankoff en sia domo. Ni povas rekomendi al la al Varna veturontoj ĉi tiun domon, kie ili ricevos lueblajn ĉambrojn proksime de la maro.

Ĉe Varna



Katedralo en Varna

Varna, urbo kun 80.000 loĝantoj, situas ĉe la Nigra Maro kaj estas la plej konata banurbo ĉe Nigra Maro. La haveno troviĝas inter Promontoroj Galata kaj Varna, sur kiu lasta la urbo etendiĝas kun la mirinde bela „Marĝardeno“ kaj la bordbanejoj. La fondo de Varna okazis de la grekoj en 585 a. K. — La urba administraro faras ĉion eblan kaj ne evitas elspezojn, por prezenti al la vizitantoj ĉiun komforton. En Marĝardeno estas moderna „Kazino“, kie oni povas malgajni sian monon; la banejoj estas tute moderne instalitaj kun elegantaj kabinoj kaj varmakvaj instalajoj, la belega etsabla kaj jod-oza bordo ĝojigas la banantojn. De Marĝardeno, mirinde bela promenadejo, oni havas dank' al sia alto belegan elrigardon al la ondanto maro, de kie ĉiam venas agrabla vento, kiu vere malvarmiĝe efikas dum la sufiĉe varma somero. Ne sen kaŭzo Varna estas nomata „Reĝino de l' Nigra Maro“.

Tre bela estas la ĉirkaŭajo: Kap Sa. Konstantin kun samnoma monaĥejo, de kie multnombraj vilaoj el belegaj ĝardenaranĝoj donas belan elrigardon al la maro. Inter Varna kaj Sa. Konstantin leviĝas enmeze de riĉa vegetajaro la Car-kastelo Euxinograd, kie la bulgara reĝo Boris kun sia familio ankaŭ dum nia ĉeesto kiel ĉiujare rezidis dum la somero. Ege interesa estas Aladja, iama rifuĝejo de la kristanoj; en la monto enigitaj estas la iamaj ĉeloj, ankoraŭ nun rigardeblaj; grandiozaj la katakomboj.



Rikolto de rozoj

En Varna mi havis helpe de s-ano Dimov la eblecon paroli el la Radio-stacio kaj ankaŭ esti akceptata de la provincestro Kazanlief.

Belajn tagojn ni travivis, rigardis vere interesajn ekspoziciojn de Varna Foiro, kie nin akceptis la prezidanto de la Foiro s-ro Ivan Stoentscheff, konatigis nin kun la prezidanto de Komerca Ĉambro s-ro Boian Abadjieff kaj gvidigis nin tra la Foiro. Ni miris pri la ampleksa ekspozicio kaj pri la diverseco de la industriaj artikloj, fabrikataj en Bulgarujo.

Grandan ĝojon faris al ni, ke nia kara s-ano Kleiner el Ruse ricevis La „Oran Medalon“ de la Foiro pro siaj memfaritaj produktaĵoj.

Niaj s-anoj, unuavice Sapunĝief kaj Dimov, kiuj dediĉis al ni sian tutan liberan tempon, estu dankataj pro la grandioza, afabla akcepto.

La 28. ni veturis per ŝipo Car Ferdinand al Istambul kaj konatiĝis kun la malagrablaĵoj de marveturado. Sed bela estas la maro; jen aŭskultu la postan poemon.

En **Istambul** ni bone alvenis post belega veturado. Neniam oni forgesos la panoramon, prezentatan alproksimiĝante al Istambul. 3 tagojn ni ĝuis la restadon en ĉi tiu interesega urbo, en la iama ĉefurbo de la turkoj, kie nuntempe estas malpermesate al la turkoj surmeti fezon, kie ne plu ekzistas haremo, sed kie oni renkontas tuj ĉe la ĉefstratoj en la flankaj stratetoj amason da hundoj kaj katoj, kiuj formanĝas la manĝorestaĵojn, kiujn la homoj simple ĵetas el la fenestroj. Ili estas kvazaŭ la „komisiono por saneco“, kiu zorgas por ke la restaĵoj ne restu sur la stratoj.

Priskribi Istambul ne estas simpla afero, ĉar oni vidas tro multe kaj mi rekomendas, ŝpari kaj iam mem veturi tien.

Do la 2. de sept. post sufiĉe maltrankvila marveturado ni revenis al Varna kaj daŭrigis de tie nian vojaĝon al Tirnovo, la iama ĉefurbo de Bulgarujo. La urbo certe inter ĉiuj eŭropaj urboj havas la plej interesan kaj romantikan situon. Nenie la naturo kreis tiel malŝpareme tian mirinde belan situon, kiu ravigas la vizitantojn. Kvar promontoroj, formitaj per la zig-zag-turniĝoj de rivero Jatra, donas al la urbo sian karakterizan bildon. La nuna urbo havas la formon de amfiteatro super Jantra kaj la tegmentoj de la domoj ŝajnigas kvazaŭ ili tuŝus la fundamenton de la alia vico de domoj. La historio de la urbo komenciĝas jam en la 12. jarc., kiam ĉi tie okazis la proklamado de la dua bulgara car-regno. Tirnovo fariĝis ties ĉefurbo kaj restis tiu dum 200 jaroj. Oni ankoraŭ nun povas vidi la restaĵojn de la iama fortifikaĵo kaj ties ur la monto oni konstruis turistan domon kun la plej bela panoramo al la urbo. — Tie ni loĝis kaj la urbestro de Tirnovo s-ro Ganĉo Péev sendis por ni sian veturilon al la stacio, kie ni alvenis meznokte; sed je nia granda ĝojo nin atendis multaj gesamideanoj malgraŭ la malfrua horo, akompanis nin per dua veturilo de la urbo al nia belega noktigejo sur la monto kaj tie ni babilis ĝis la 1 h matene. Kun granda ĝojo mi havis la plezuron post jaroj revidi s-anon d-ron Hitrov. La 3. sept. ni faris viziton al la urbestro, kie ni estis bonege akceptitaj. Laŭ peto de l' urbestro mi enskribis mian nomon en la oran libron de la urbo, granda honoro, ĉar du paĝojn antaŭe Lia reĝa Moŝto Boris, Ŝia reĝa Moŝto la reĝino, Lia princa Moŝto Cyrill estis kiel unuaj enskribintaj siajn nomojn. La urbestro afable disponigis la tutan tagon sian veturilon kaj s-ano prof. Haralambi Baĉvarov montris al ni la urbon. Tre afable estis niaj s-anoj, krome vicurbestro Sava Jaránov, s-roj Domenico Caranessheff, kiu montris en sia domo al ni siajn bildojn mem pentritajn; Hex Penchew, ĵurnalisto kaj prez, de „Stora Stalitca“ ktp. Posttagmeze ni forlasis belan Tirnovo, regalitaj per belaj bukedoj kiam ĉe la alveno, kun danko en nia koro. — Dum nia veturado mi diris al s-ano Baĉvarov, ke la ĉevaloj de la veturilo de l' urbestro estas vere belaj; al tio respondis nia akompananto: „La tuta urbo ilin ankaŭ nutras!“



Rila-montaro



Memvola laborservo

La 3. sept. ni veturis al **Sofia,** alvenis tie je la 10 h vespere, atendataj de multaj s-anoj, inter ili de prez. de Bulgara E.-Asocio advokato Jordanoff, sekr. Belĉo Oktomvrijski, Ivan H. Krestanof k. a. — Denove belaj floroj kaj akompano al nia hotelo.

Mi nur volis resti en Sofia ĝis la 7. sept. matene, sed devis resti ĝis vespero, ĉar la ministro-prezidanto s-ro Andrej Toŝef estis min invitinta por la 7. de sept. antaŭtagmeze. Dum mia restado en Sofia mi vizitis diversajn ministrojn kaj la urbestron kaj estis gasto ĉe tagmanĝo ĉe nia ambasadoro ministro d-ro Herzfeld. Mi parolis ankaŭ el la Radio-stacio pri nia kongreso.

Migrante tra Sofia ni miris pri la vere bela urbo, kiun ni ne supozis trovi. Oni en Aŭstrio ankoraŭ ne havas imagon pri la cirkonstancoj en Bulgarujo. Sofia, la ĉefurbo, situas ĉe la piedo de montmaso Witoscha, pli ol 2000 m alta. En la historio ĝi aperas jam 29 a. k. En la tempo de sia liberiĝo de la jugo de l' turkoj (1877) Sofia multe evoluiĝis kaj nombras 250.000 loĝantojn. Belaj bulevardoj kaj stratoj, modernaj sed ne pompaj konstruaĵoj ĝojigas la okulojn. Kio speciale plaĉis al mi, estas ke la stratoj estas vere puraj. Mi nur menciu la plej interesajn konstruaĵojn: Belega kaj granda preĝejo „St. Alexander Newsky", verko de rusa arĥitekto Pomerantzew, konstruita je memoro al la liberigo de la Bulgaroj flanke de la Rusoj. Situita sur la plej alta loko de la urbo ĝi estas pere de siaj oraj kupoloj videbla malproksimen. Kun ĝia riĉa ekipo la preĝejo estas la plej bela monumento de Bulgarujo. Ofte oni devus viziti ĉi tiun preĝejon por percepti ĉiujn ĝiajn belaĵojn; la antikva preĝejo St. Sophia el la 6. jarcento; la reĝa palaco; la kolonornamita oficira kazino; parlamenta palaco kaj la bela rajdista monumento de Zar Osvoboditel (car liberiginto) Alexander II. de Rusujo. La ministerioj trovis lokon en ĉarmaj palacoj. Belajn tagojn mi travivis en Sofia en la societo de niaj ĉarmaj samideanoj.

La 7. sept. nokte ni forveturis al Rahovo, akompanate de niaj karaj amikoj el Sofia al la stacio. La tutan nokton ni devis veturi, tre duba plezuro, sed ni estis promesintaj al niaj amikoj en Rahovo, veni tien kaj niaj amikoj eĉ veturis frumatene nin rekonten, nome la urbestro de Rahovo kaj la prez. de la grupo s-ano d-ro Georgi Pop Ivanov, distrikta veterinaro kaj redaktoro de „Intern. Veterinara Revuo". En la stacidomo matene atendis nin grandaro de samideanoj kun la E.-flago kaj oni fotografis nin kune. Poste la prezidanto akceptis nin en sia loĝejo, poste s-ano Stanev invitis nin en sian hejmon kaj fine la grupo invitis nin al festtagmanĝo. Fine ĉiuj akompanis nin al la ŝipo kaj ges-anoj Stanev alportis grandan korbon kun bonegaj vinberoj, frititaj kokoj, omletoj kaj alia farunaĵo; la bonkoraj samideanoj vere timis, ke ni malsatos dum la vojaĝo al Wien. Ni devas konstati, ke la donacitaĵoj bonege gustis al ni kaj ke ni ofte pensis pri niaj gastigintoj. Ni ja spertis multan gastamecon en Bulgarujo, sed tian kiel en Orehovo nenie! — Tre interesa novaĵo La E.-grupo Zamenhof en Orehovo ricevis de la urbo: insulon en Danubo, kiu estis nomata „Esperanto". Tie la grupanoj pasigas sian festotagon, banante kaj amuzante. Bedaŭre pro manko da tempo ni ne povis viziti la insulon, sed ni vidis ĝin de la kajo. La 13. sept. ni revenis al Wien.

Ni kore dankas la bulgarajn samideanojn kaj esperas, ke multaj el niaj samideanoj ankoraŭ havos la plezuron veni al Bulgarujo por konatiĝi kun ili. Ni revidos nin!

Steiner.

## Nigra Maro.

De Miti

La maro kvieta ripoze dormetas
ŝirmante mil sortojn de bordo ĝis bordo.
Mateno ekbrulas kaj ŝiras la retojn
de l' blanka nebulo de sudo ĝis nordo.
Kaj mevo flugilojn arĝentajn facile
luletas supere en sala aero,
kaj kvazaŭ spegulo . . . la akvo trankvila
eĉ faldon ne rulas, nur flustras tenere . . . .
Subite ekfestas la grizaj tempestoj,
ekhurlas infere subakvaj misteroj,
kaj tuj kvazaŭ montoj el akvo elkreskas
kaj inter la ondoj ekbolas krateroj . . .
La maraj spiritoj eksvarmas vekitaj
el ĉiuj fundpartoj kaj levas standardojn,
la rokojn atakas en ŝauma milito
kaj rompas kun krako la ŝtalhalebardojn.
Ekgrincas la mastoj, sonoras hor-lasta,
abismoj murmuras, la ondoj vetkuras,
peladas marventoj la ŝipon tra vastoj
kaj kiel serpentoj sin tordas la ŝnuroj.
La monstraj okuloj el fundoj ekbrulas
kun strangaj rebriloj en verdaj pupiloj,
kaj serĉas avide dronantajn mortulojn
portatajn rapide al nova azilo.
Kaj saltas freneze la akvoj kaj la peze
sin ĵetas profunden kaj bolas enfunde,
sin levas inkube ĉe bord' kaj marmeze,
kaj ŝprucas alnube fontanoj abunde.

---

La maro trankvila fabelojn babilas
ĉe l' rokoj proksime kaj flustras intime,
ekmovas la mevo arĝentajn flugilojn . . .
kaj kiel mem revo allogas senlime.

---

## Intervjuo en Esperanto kun Ministro Jotoff kaj Provincestro Kazanliev.

La unuan fojon en nia movado verŝajne okazis, ke aktiva ministro kaj provincestro donis intervjuon en Esperanto.

Mi havis okaze de mia propagandvojaĝo en Bulgarujo ĉi tiun ĝojon. Afable min akceptis fine de aŭgusto en Varna la Estro de Sumena Distrikto, s-ro Boris Kazanliev, kaj ĉe bongusta turka kafo kaj bonaj cigaredoj ni parolis en ĉeesto de amiko Dimov, kiu akompanis afable min, en Esperanto pri Esperanto-aferoj. S-ano provincestro *Kazanliev* promesis subtenon de Esperanto kaj esprimis sian deziron, ke ankaŭ en Bulgarujo baldaŭ akazu Universala Kongreso de Esperonto.

Kelkajn tagojn poste mi estis afablege akceptita en Sofia de Ministroprezidanto **Andrej Toŝef,** Ministro de Financoj **M. Rjaskoff,** Ministro de Politika Ekonomio (Komerco kaj Trafiko) **St. Moŝanoff,** Ministro de la Konstruado **Nikola Jotoff,** ĉefsekretario de Ministerio por Eksteraj Aferoj (por la ne ĉeestanta Ministro) **d-ro N. P. Nikolaeff,** ĉefsekretario de Ministerio de Popola Klerigado (por la ne ĉeestanta Ministro) **d-ro S. Kazanĝieff** kaj la Urbestro de Sofia **inĝ. Ivan Ivanoff.**

Akompanis min kaj afable tradukis miajn vortojn la prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio, la ege afabla s-ano advokato **P. Jordanoff.**

Ĉiuj nomitaj ĉefuloj promesis subteni Esperanton, helpi al la 28-a per tio, ke la registaro sendos prezentanton, kiu parolu en bulgara lingvo en nia 12-a Somera Universitato, kaj esprimis la deziron, ke la esperantistoj venu post Warszawa al Bulgarujo, por lokigi tie Universalan Kongreson. La registaro faros ĉion eblan, por ebligi ĝin kaj subtenos ĝin ĉiamaniere.

La **Ministro de Financoj** M Rjaskoff promesis, ke 200 bulgaraj sam-

:deanoj ricevos por la Viena Kongreso aŭstrian valuton po **5000** bulgaraj Levoj, sufiĉe alta sumo, se oni pripensas, ke kutime al eksterlando vojaĝantoj nur ricevas po 300 Levoj. La Ministro ankaŭ promesis subteni eventualan Universalan Kongreson en Bulgarujo per sufiĉe alta subvencio.

Kun **Ministro Jotoff**, nia samideano, mi parolis en Esperanto kaj li kompreneble promesis, ĉion fari ĉe la registaro, por helpi al nia 28-a kaj por Esperanto.

La vizitojn aranĝis la ambasadoro de la Aŭstria Respubliko s-ro **Ministro Dr. Herzfeld** en Sofia, al kiu ni esperantistoj ŝuldas por liaj klopodoj multan dankon.

Prez. de LKK por 28-a: Steiner.

---

## Bulgaraj Radio-stacioj helpas al la 28-a.

Okaze de mia vizito en Bulgarujo la s-anoj Dimov kaj Sapunĝiev aranĝis Radio-paroladon el Radio-Varna en formo de intervjuo. F-ino Rozka Hr. Dimova faris la demandojn en bulgara lingvo, s-ano Georgi Dimov tradukis ilin en Esp-on kaj mi respondis en Esp., s-ano Dimov tradukis bulgaren ktp.

En Sofia s-ano prez. de BEA. P. Jordanoff kaj sekr. de BEA s-ano Belĉo Oktomvrijski aranĝis Radio-paroladon el Radio-Sofia. Intervjuis s-ino Diana Dantscheda kaj tradukis s-ano Oktomvrijski.

Ambaŭfoje mi varbis por la 28-a kaj Aŭstrio.

Koran dankon al la estroj en la Radio-stacioj Varna, s-roj Georgi Muhoski kaj Georgi Troŝel, kaj al la Estro de Radio-Sofia s-ro Todorof, kaj al niaj intervjuintoj kaj tradukintoj.

Steiner, prez. de LKK. de 28-a.

---

## „La XXVII-a sukcese finiĝis, vivu la XXVIII-a en Vieno!"

La 2. de aŭgusto ni veturis frumatene al la stacidomo, akompanataj de niaj gastamaj samideanoj, al Venezia, kie ni alvenis post la 13 h.

Kompreneble la mondkonata, ĉiam fervora, neniam maljuniĝanta delegito de UEA, s-ano Giovani Bonini, mia malnova amiko, atendis jam en la stacidomo kaj kondukis nin al nia hotelo Centaŭro, meze en la urbo, tute proksime al Piazza di San Marco. Post refreŝiĝo kaj tagmanĝo ni rigardis la urbon, eniris la unikan Palacon de la Doĝoj, la fee belegan Katedralon di San Marco, suprenveturis per lifto ĝis la pinto de Campanile, kie ni skribis poŝtkartojn kaj ĝuis la belegan panoramon, kaj veturis per vaporboato al la mondfama banloko Lido. Vespere ni reveturis, vespermanĝis en nia hotelo, ĝuis la bonegan koncerton de la urba orkestro sur Piazza, kunvenis kun la esperantistoj italaj kaj alilandaj en kafejo kaj fine faris ĝis post meznokto veturadon sur Lagunoj per gondoloj. Do ni ĝuis la restadon laŭeble. Priskribi Venezia ne estas nia tasko ĉi tie kaj ankaŭ la loko **ne sufiĉus**. Kiu ne ankoraŭ estis en Venezia aŭ, kiu jam estis tie, mendu la bonegan ampleksan gvidlibron pri Venezia ĉe la delegito Bonini, kiu precize konigos al vi la prezon.

La 3. aŭg. ni kune veturis al Firenze la Bela, mirinda urbo, de kiu nur malgranda parto de la kongresanoj iom vidis, ĉar la menditaj aŭtobusoj, kiuj nin veturigu tra la urbo, nur alvenis en tro malgranda nombro. Ni ĝuis belegan malfermon de Somera Universitato, vidis la belegan Palazzo Vecchio kaj havis okazon ankaŭ admiri la belegan placon dum kelkaj horoj, dum kiuj la aŭtobusoj ne venis. Fine ni veturis al renkontejo ekster la urbo, kie okazis komuna vespermanĝo. La sekvintan tagon estis Diservo, sed oni nur parte povis ĝin ĉeesti, ĉar la tempo nin rapidigis al la stacidomo por veturi al Roma. Firenze mi devos rigardi alian fojon! Verŝajne la Kongreskomitato aranĝis la aferon tiele, por nin venigi pro turismaj kialoj denove al Italujo!

Post bona tagmanĝo en la apartaj rapidtrajnoj ni alvenis post la 15 h en Roma. Feliĉe ni ne bezonis longe atendi en la stacidomo, malgraŭ la grandega nombro de la alvenintoj. La hotelaranĝo estis bonege aranĝita. Je la 17 h la aŭtobusoj haltis antaŭ niaj hoteloj kaj la rondveturado tra Eterna Urbo komenciĝis kaj ege kontentigis nin. Komuna vespermanĝo. Min, estante estrarano de UEA, atendis speciala plezuro: Ni havis la unuan kunsidon de la UEA-estraro de la 21 h ĝis meznokto!

5. aŭg. Veturado al Vatikana Urbo kaj vizito de la Katedralo de Sankta Petro; sed la 2 horoj kompreneble ne sufiĉis por vere rigardi eĉ nur parteton de la vidindaĵoj. Sed mi devas rimarki, ke ni certe ankaŭ ne veturis al Italujo por rigardi ĉion, sed por kongresi. Tamen, se oni jam elspezas sufiĉan sumon por la veturado, oni certe ankaŭ deziras kiom eble plej multon vidi. Sed pri tio ne kulpas la LKK de 27-a.

Antaŭ mia forveturo al la Vatikana Urbo mi telefone priparolis kun la aŭstria afergvidanto de la aŭstria legacio en Roma, s-ro legacia konsilisto Rotter, la detalojn pri la malfermo de la kongreso mem. Tiu ĉi komenciĝis je la 11 h en la koncert-domo Augusteo kaj estis inaŭgurita de la viceministro Dumidei en la nomo de la reĝo kaj de l' Duce. Tradukis lin prof. Bruno Migliorini. Poste s-ano Malmgren kiel reprezentanto de la pasintjara kongreso proponis jenan estraron: hon. prez. Generalo Markizo Cordero de Montezemolo; prez. prof. Stefano La Colla; vicprez. prof. d-ro Rinaldo Orengo, direkt. Schamanek (Aŭstrio; laŭ mia propono), d-ro Pitlik (CSR), N. Mahruŝ (Egiptujo), d-ro Couteaux (Francujo), prof. Christaller (Germanujo), d-ro Loyala (Hispanujo), d-ro Bénard (Hungarujo), Baas (Nederlando), prof. Bujwid (Polujo).

Post dankvortoj pro la elekto flanke de prez. La Colla leviĝis la prezidanto de UEA, generalo Bastien. Li gratulas la novelektitan prezidanton, memore pensas pri niaj karaj mortintoj, unuavice pri Arnold Behrendt kaj daŭrigas: „La unuan fojon mi hodiaŭ havas la honoron saluti vin kiel prezidanto de UEA okaze de Malferma Kunsido.

Nunjare nia Universala Kongreso okazas en Romo, la plej fama urbo en la mondo. Romo — kia impona nomo! Urbo, kiu konkeris la mondon per siaj armeoj. El la superpotencoj de Antikva Epoko Romo estis la plej firma, la plej daŭra. Esperantistoj povus multon lerni el la konkero de la mondo per Romo. Sian firmecon ŝuldis Romo precipe al siaj moralaj kvalitoj. Romo atingis siajn konkeraĵojn per malrigideco en kontinueco de principoj. Per tio ĝi starigis sian potencon sur firmegan fundamenton.

Ankaŭ ni esperantistoj revu pri konkero de l' mondo. Ankaŭ ni estu kontinuaj en nia laboro kaj firmaj en niaj principoj. Tiam ni „paŝo post paŝo, post longa laboro, atingos la celon en gloro"!

Romo kreis tipon de **civitano** kaj **heroo. Vera esperantisto devas esti vera idealisto,** kiu laboras ne por la intereso de si mem, sed de la movado. Sed ni scias, ke ne ĉiuj homoj estas idealistoj. Tial ni devas konvinki la publikon per ĉiuspecaj **servoj praktikaj**.

Ankaŭ alian vorton ni memoru: la **disciplinon**. Ni deziras alporti al la mondo la pacon. Sed por tio ni alportu ne nur la lingvan interkompreniĝon, sed ankaŭ la spiritan. Ne sufiĉas diri: Mi amas la homaron; sed oni devas ĉiutage **praktiki** tiun amon, kaj certe, unuavice inter ni esperantistoj mem. Sed amo baziĝas sur **toleremo**. Ni do toleru unu la alian, ĉar sen tolero ne venas la paco!

La esperantistoj devas havi disciplinon, ĉar sen disciplino neniu venko estas atingebla. **Oni batalu ne kontraŭ si reciproke, sed en komuna fronto por la sama celo! Rigardu nur al la bono de Esperanto! Marŝu al la komuna batalo kun mano en maro!**

La pasintan jaron ni vizitis la plej altan nordon; nunjare ni iris al la sudo. De la malvarmega nordo ĝis la varmega sudo, en ĉiuj landoj kaj regionoj nia bela Esperanto-arbo plu kaj pli kresku, por ke la homaro sin sentu feliĉa sub ĝia verda foliaro!"

Sekvas la alparoladoj de la oficialaj reprezentantoj: por **Ligo de Nacioj** (Intern. Instituto de Intelekta Kooper-

ado) s-ino Fall...; por la **aŭstria registaro** la aferŝ...idanto legacia konsilisto Adrian R...ter, kiu en Esperanto invitis al 28-a Universala Kongreso en Wien; por fran...a **ministro de publika instruado** s-ro Coelestin Rousseau; por la **registaro de Liechtenstein** direktoro komerca konsil. Kreuz; por la **nederlanda registaro** inĝ. Isbrücker; por la **hungara registaro** eksministro d-ro Bénard.

Poste la polica orkestro ludis la Tagiĝon.

Sekvas la alparoladoj salutaj de la nepo de l' mastro Ludoviko nome de la familio.

Sekvas la reprezentantoj de la diversaj landoj; por Aŭstrio kortega konsil. Steiner. Fine s-ro Kreuz laŭtlegis la alvenintajn telegramojn kaj leterojn.

Posttagmeze je la 15h denove kunvenis la Komitato de UEA, dume la kongresanoj ĝuis ekskursojn. Je la 17h Ministro Bottai, guberniestro de Romo, akceptis la tutan kongresanaron en la belegaj ĝardenoj de "Villa Celimontana", lia somerrestadejo, kaj regalis ĝin. 100-persona muzikistaro de Roma polic-orkestro dume aŭdigis belan muzikon kaj je la fino „La Espero". Vespere ni ĉeestis la bonan prezentadon de „Kurioza Okazaĵo" de Goldoni, luditan de la milana grupo de diletantoj kun Julio Baghy kiel reĝisoro. Marde okazis vizito al Roma Forumo kun bela prelego en Somera Universitato de prof. d-ro Br. Migliorini; posttagmeze aro de ekskursoj dume Komitato de UEA laboris. Vespere dua literatura vespero dume UEA kunsidis ĝis meznokto. Antaŭ la literatura Vespero kortega konsil. Steiner faris paroladon pri Aŭstrio.

La 7. aŭg. matene laborkunsido de UEA, malfermita nur duonhoron pli malfrue ol antaŭvidite, ĉar la kongresanoj nur venis tre malfrue kaj tre malmultaj. Posttagmeze Komitat-kunsido de UEA kaj vespere sur Lido de Roma okazis „Internacia Balo".

Frumatene la 8. aŭg, ni revenis de Lido kaj kompreneble nur malmultaj personoj ĉeestis la kunsidon de „Konsilantaro de UEA". La prezidanto malfermis kaj fermis ĝin. La s-anoj jam devis paki por forveturi al Napoli. Je la 13 h ni forveturis. Tuj post la vespermanĝo la komitatanoj de UEA devis kunveni kaj laboris ĝis post meznokto.

La 9. aŭg. ni veturis matene per elektraj trajnoj al Pompej, rigardis la vidindaĵojn kaj poste suprenveturis al Vesuvo.

La 10. aŭg. belega ekskurso al Capri, neniam forgesebla. La 16 h oni revenis al Napoli kaj 17 h okazis en la pompa luksega teatro S. Carlo la Ferma Kunsido, en kiu kort. kons. Steiner elokvente invitis al partopreno en la venontjara Kongreso en Vieno. Prezidanto generalo Bastien faris la ferm-paroladon, en kiu li diris je la fino: „En Francujo, kiam mortis la reĝo, oni kriis: La reĝo mortis, vivu la reĝo! — La Roma kongreso finiĝis, vivu la Viena Kongreso!"

La krozadon mi ne partoprenis, sed laŭdire la partoprenantoj multon vidis kaj grandparte estis kontentaj!

———

**Finkonkludo**: Ni devas esti kontentaj pri la sukceso de la 27-a. Se kelkaj aferoj estis kritikataj, ili pravas, sed oni devas pripensi, ke la aranĝintoj oferis por la s-anoj pli ol unu jaron de sia vivo, por aranĝi la kongreson. Ili laboregis, ne permesis al si eĉ unu tagon da ripozo dum tuta jaro kaj faris preskaŭ neeblon! Certe la problemo aranĝi kongreson en 3 urboj dum nur 7 tagoj estas solvita por ĉiamaj tempoj. Certe la kongresanoj deziras vidi la koncernan urbon, sed tamen devas esti la tempo por labori. Tiu preskaŭ ne estis eble dum la 27-a. Sed ni devas gratuli al niaj italaj samideanoj pro ilia sukceso! Ministro malfermis nome de la reĝo kaj de Mussolini; la guberniestro en Roma kaj la urbestro en Napoli invitis kaj regalis la tutan kongresanaron kaj fine Radio-Roma nun ĉiusemajne uzas Esperanton pro sia fremdulvarbado! Grandiozaj sukcesoj, fakte ne antaŭviditaj! Kaj pro tio ni gratulu ilin kaj danku tutkore al la oferemegaj gesamideanoj Canutto, Mellina kaj Orengo kaj al la malmultaj aliaj, kiuj prenis sur sin le aranĝon de la kongreso.

Steiner.

———

»El Pirato-Paris«

**La estonteco.**

S-ro Horato Steiner, la energia aranĝonto de la 28-a Kongreso en Vieno vigle laboris en Firona. Li notis ĉiujn mankojn, kiujn montris la aranĝo de la ĉi-jara kongreso. Estis giganta laboro, kiu kostis multe da krajonoj. Sinjoro Steiner garantias, ke la samaj eraroj ne ripetiĝos en Vieno, espereble li elkovos aliajn. Por devigi la kongresanojn al Esperanto-konversacio dum la kongreso, li dekretis, ke en neniu hotelu loĝu pli ol unu reprezentanto de ĉiu nacio, jen la plej taŭga rimedo, por provizore disigi la somlingvanojn. »En ĉiu hotelo nur unu de ĉiu nacio!« Jen la devizo de Sinjoro Steiner.

Gratulon pro via ideo, Sinjoro Kortega Konsilanto, ĉar ĝi estas jam tre proksima al la plej alta kongresidealo: »En ĉiu hotelĉambro nur unu de ĉiu sekso.

Huĉjo.

## Antaŭkongreso en Klagenfurt

unuigis karavanon de proksimume 30 partoprenantoj plejparte eksterlandanoj sub la gvidado de nia viglega ĉefprezidanto kortega konsilanto Hugo Steiner en nia urbo. La 31. de julio vespere nia vicprezidanto fakinstruisto Schmid enmeze de niaj grupanoj salutis la alvenintojn koregе jam en la stacidomo kaj ni ĉiuj kondukis ilin en la hotelon. La 1. de aŭg. okazis vizito de la urbo kaj ties rimarkindaĵoj, inter ili de la parlamentejo, alpina muzeo ktp. Fakinstruisto Schmid donis la necesajn klarigojn. Posttagmeze ni faris ŝiprondveturadon sur la lago de Wörth, vizitis la belajn ĉe la lago situitajn banlokojn kaj somerrefreŝiĝejojn kaj alvenis je la 5-a al gastejo Schrottenburg ĉe la lago, kie la gastojn salutis nome de la urbestro s-ro vicurbestro d-ro Kleinwächter kaj la estro de fremdul-trafikoficejo s-ro majoro Taurer. Kort. kons. Steiner tuj tradukis iliajn paroladojn en Esp-on. Por la eksterlandanoj parolis s-ano Heikenwälder, redakt. de Ligilo-Prostejov. — Post solena vespermanĝo kun ĉarmaj kaj serenaj paroladoj de s-ano Steiner, Schamanek kaj aliaj, kaj muziko oni dancis, sed bedaŭre je meznokto oni devis enlitiĝi, ĉar jam je la 5-a matene akompanate de grandaro de niaj grupanoj la gastoj devis rapidi al la stacio. — Preskaŭ ĉiujn antaŭlaborojn, sufiĉe ampleksajn kaj temporabajn, faris nia prezidanto Otto Müller, al kiu ni ŝuldas grandan dankon. — Rimarkinde estas ankaŭ, ke kelkajn tagojn antaŭe karavano de 40 estonoj per granda aŭtobuso traveturis Klagenfurt dumvoje al Roma. Ili estis kore salutataj kaj tranoktis en nia urbo. — Pri tiu vizito kaj la antaŭkongreso raportis nia gazetaro kaj per tio montris al la publiko, ke Esperanto vivas. — Ni devas ankoraŭ substreki, ke nia movado estas ege favorata de niaj estraroj landaj kaj urbaj.

Grupo Klagenfurt: Komposch.

## Antaŭkongreso en Innsbruck

komenciĝis laŭprograme la 31. julio; ĉeestis s-anoj el 4 landoj. La urbo estis vizitata, oni veturis per kablofervojo al la pinto de Patscherkofel kaj vespere la kongresanoj partoprenis en amuzvespero laŭ tirola maniero kun muziko, dancoj en naciaj kostumoj en Hotel Maria Theresia. La 1. de septembro ni rigardis la faman panoramo-bildon pri la batalo ĉe Iselmonto dum la liberigo milito de la tirol-anoj. Je la 11 h niaj gastoj forveturis Italujon. — La saman tagon alvenis 110 svedaj samideanoj, kiuj nur restis dum la trajnhaltado en Innsbruck kaj estis salutataj de mi kiel grupestro kaj d-ro Blaas. — Vespere alvenis la karavauo de s-ano Bloch el Praha. Parto faris rondveturadon aŭtobuse tra la urbo sub gvidado de d-ro Blaas kaj du grupoj sub gvidado de kelkaj grupanoj tramigris la urbon. Amuzvespero laŭ tirola maniero en Hotel Maria Theresia unuigis ĉiujn en gaja kunveno. Por ambaŭ vesperoj mi atingis rabat-

lian enirprezon ĉe la direktoro de la muzejo.

La 16. sept. venis en nian urbon la estona aŭtobusa karavano el Roma sub gvidado de s-ano Seppik el Tallinn. Ili daŭrigis post 4-hora restado sian vojaĝon al München.

La 22. sept. alvenis 16 estonoj sub la gvidado de s-ino Dresen, kiuj loĝis en gastejo Goldener Hirsch, Seilergasse 9, kie nun troviĝas nia klubejo. Vespere niaj gastoj partoprenis en nia klubkunveno kaj s-ino Dresen parolis pri E. en Estonio kaj Universala Kongreso en Roma. La sekvintan tagon mi klopodis pri rabato por la kabloveturado al Patscherkofel, kiun mi ankaŭ ricevis (40 %), Vespere vizito al Tirola Vespero ankaŭ rabatita. La 24. forveturo.

Ke niaj gastoj estis kontentaj, atestas la multaj dankleteroj, kiujn ili sendis el sia hejmlando.

Grupo Innsbruck: Kühbacher.




**Adreso:** Esperanto-Kongreso, Wien, I., Neue Burg.

**Kotizo en svis. fr.:** Nuna favorkotizo ĝis 31, de januaro 1936: sv. fr. 20.—, por familianoj 12.50, por gejunuloj malpli ol 18-jaraj 8.25. Specialaj avantaĝoj: certa partoprenebleco en la ekskurso A (kun limigita partoprenantaro!); pli bonaj sidlokoj en la teatraĵo „La blanka ĉevaleto" kaj pli bonaj tranoktigejoj en la hoteloj. Krome vi helpos la kongreson per frua aliĝo kaj ricevos la kongres-gazeton „Aŭstria Esperantisto" jam de septembro senpage!

**Aliĝas** ĉiam pli da personoj; ni baldaŭ atingos la nombron 200. Samideanoj, via fiero estu, esti en la unuaj listoj; do aliĝu tuj, sendante la monon kun al ĝilo al ni kaj, se vi ne havas aliĝilon, anoncu vin sur simpla poŝtkarto.

**Kongreskartoj:** La kongreskartoj estos dissendataj jam fine de la nuna jaro.

**Malhelpaĵoj:** Informu nin pri eventualaj malhelpaĵoj, kiuj kontraŭstaras vian veturadon al la kongreso el via lando. Ni provos ilin forigi pere de via ambasadorejo aŭ konsulejo en Vieno.

**Fervojrabatoj:** Ni klopodas ricevi en la de vi traveturotaj landoj rabatojn kaj vi samideanoj helpu nin en tio.

**Radio:** Ĉiun merkredon (komencinte la 2. oktobro) okazos Esperantokurso el Radio-Wien de la 18h35 — 19h. En la lastaj 5 minutoj ni ĉiam donas gravajn informojn kaj respondos ĝenerale interesajn demandojn. Al demandoj bonvolu ĉiam aldoni respondafrankon.

**Glumarkoj en 5 diversaj koloroj.** Ili samaspektas kiel la kliŝo sur la pinto. La unua stoko de 20.000 preskaŭ elĉerpiĝis. Mendu tuj, po 100 2 intern. poŝtaj resp. kuponoj aŭ svis. fr. 0.70.

**Kongresafiŝoj:** Ankaŭ ili estis favore akceptitaj flanke de la esperantistaro. Ni sendas por 1 resp. kup. 2 afiŝojn kaj 3 belegajn gvidfoliojn.

**Varbnumero de Aŭstria Esperantisto:** Elĉerpita, nur malmultaj ekzempleroj rezervitaj.

En la venonta numero ni publikigos la unuajn sin por la ekskurso A „Tra Aŭstro" aliĝintojn.

Loka Kongresa Komitato.

## 1. Listo de la kongresanoj:

1. Kortega konsil. Hugo Steiner, prez. de LKK de 28-a, Wien
2. Sekcia ĉefo d-ro F. Uebelhör, vicprez. de LKK de 28-a, Wien
3. Gazet-ĉefo en Ministerio por Komerco d-ro Zehden, LKK, Wien
4. Intendanto Generalo Louis Bastien, prez. de UEA, Paris
5. D-ro Adam Zamenhof, Warszawa
6. Zamenhof Wanda, Warszawa
7. Zamenhof Ludwik, Warszawa
8. Zamenhof Lidja, Lyon
9. Bujwid Odo, prof. d-ro, Kraków
10. Rambousek Jan, ĉs. generalo, České Budejovice
11. Hamann Fred A., Wauwatosa, Usono
12. Christaller Paul, prof., Stuttgart
13. Bellen Willem van, Den Haag
14. Mooij Pieter Hendrik, Den Haag
15. Bergström Siri, As, Svedujo
16. Hackl Karl, kolonelo, Graz
17. Heikenwälder Frant., red. de Ligilo, Prostejov, ĈSR
18. Heikenwäldrowá Mána, Prostejov
19. Feldmann Margit, instr., Zlaté Moravce, ĈSR.
20. Goldsmith Cecil Charles, Romford, Britujo
21. Goldsmith Clara, Romford
22. Baas Pieter Willem, prez. de LEEN, Amsterdam
23. Dresen Helmi, Tallinn
24. Szabo Margit de, Budapest
25. Hélouin Germaine, instr., Oran, Alĝerio
26. Kotov Ivan, Ruse, Bulgarujo
27. Kotov Linda, Ruse
28. Kotov Sofia, Ruse
29. Spielmann Eduard, d-ro, Bern
30. Damen Henri, s'Hertogenbusch, Nederlando
31. Petit Pierre, ŝipkonstrua redaktoro, Rosny sous Bois
32. Carolfi Modesto, prof. pastro, Cortemaggiore, Italujo
33. Jung Theo, eldonanto de „Heroldo de Esperanto", Köln
34. Rivier Alfred, Nice
35. Cahen Mimi, Köln
36. Hub Franz, skulptisto, Gablonz a. d. Neisse, ĈSR
37. Popper Steffy, komerc., Böhm. Kamnitz, ĈSR
38. Lebel Jean, instr,. Pontault-Combault, Franc.
39. Aymes Alfred, lombardestro, Lyon
40. Schütt Else, Berlin
41. Szirom Alajos, Pécs, Hungar.
42. Szirom Margaret, instr., Pécs
43. Freeman Hilda, komizino, Oxford
44. Watson Henry Wilson, inĝ., Cowley, Oxford
45. Bernard Roger, ofic., Bois-Colombes, Franc.
46. Benárd Agost, d-ro, vitéz, eksministro, deputito, kuracisto, Budapest
47. Bloemendal Arnold, dentkurac., Deventer, Nederl.
48. Bloemendal-Wisse Elisabeth, dentkurac., Deventer
49. Rotondo Johano, prof.-kanoniko, Bari, Ital.
50. Gernebacher Manja, Köln
51. Winckels Gilbert de, iama generalo en la itala armeo, Verona
52. Bevan Geoffrey, arĥitekto, Wrexham, Kimrujo
53. Staes-Vandersvoorde Félicie, Koettelberg-Bruxelles
54. Staes Elly, Koettelberg-Bruxelles
55. Eitner Sándor, bienposedanto, Salomvár, Hungar.
56. Dupuis Marcel Daniel, ĝen.-sekr. de ISAE,, Paris
57. Cockburn A. B., Edinburgh, Skotlando
58. Warren Elizabeth, London
59. Raskes Henryk, d-ro, kuracisto, Warszawa
60. Steiner Lothar, cand. jur. Bisamberg
61. Weber Gustav, fakinstr. Wien
62. Bernfeld Erwin Gerh., ofic., Wien
63. Weintraub Eduard, cand, jur., Wien
64. Maier Hugo, d-ro, Wien
65. Hesse Franz, studento, Wien
66. Tischler-Pfister Margarethe, Wien
67. Hof Hermine, poŝt-inspekt., Wien
68. Lidl Rudolf von, Esp.-instr., Salzburg
69. Frey Rud. Mich., kalkul-konsil., Wien
70. Stengel Fritz, regist. konsil.-inspektoro, Wien
71. Feichtinger Frieda, fakinstr., Wien
72. Rentmeister Werner, ofic., Wien
73. Gasperini Carl, oficeja konsil., Wien
74. Moser Ernst, komerc., Wels
75. Pfeiffer Eduard, pentristo, Innsbruck
76. Scherpon Sidi, baronino, Wien
77. Fink Alois, oficisto, Tamsweg
78. Waldhör Franz, laborestro, Wasenbruck
79. Dittrich Edmund, eks.-burĝlern. dir., Wien
80. Frey Max Rud., univers. Wien

81. Fiedler Maria, instr., Wien
82. Langer Anton, ekonomo, Unter-Retzbach
83. Primetzhofer Felix, ĉefinstr., Selker
84. Boda Nikolaus, justec-sekr., Oberdullendorf
85. Navratil Josefine, Wien
86. Schilhavy Maria, ofic., Wien
87. Kolarik Adolfine, Wien
88. Heissl Max, elektrofakulo, Ebensee
89. Wüster Eugen, d-ro-inĝ., Wieselburg
90. Schwarz Alexander, disponanto, Wieselburg
91. Schwarz Adele, Wieselburg
92. Pokorny Karl, lernejkonsil., Wien
93. Werner Ernst, membro de LKK., Wien
94. Frey Elisabeth, Wien
95. Wimmer Florian, studento, Linz
96. Ziwutschka Louise, fakinstr., Wien
97. Brückl Franz, ĉefinstr., Streifing
98. Müller Otto, urbofic., Klagenfurt
99. Braun Franz, ĉefadministr., Rodaun
100. Kail Herbert, stud. fil., Wien
101. Schiebl Hans, eks-poŝtdirekt., Wien
102. Hinterholzer Anna, inst., Klöch
103. Mair Albert, fakinstr., Innsbruck
104. Pötzl Maria, Langenzersdorf
105. Diller Hilde, bankofic., Linz
106. Jungschaffer Hans, fakinstr., Ried i. I.
107. Franz Karl, ĉefofic., Wels
108. Jurek Gustav, ofic., Wien
109. Schamanək Josef, lernejdir. e. p. Unt. Tullnerbach
110. Schlerka August, inspekt., Wien
111. Halbedl Adolf, d-ro, advokato, Ried i. I.
112. Holey Franz, ferv. ofic., Wien
113. Jacobsen Carla, iama tel. ĉefofic., Wien
114. Engländer Alfred, d-ro, advokato, membro de LKK, Wien
115. Engländer Irene, prof. en komerca akademio, Wien
116. Berger Amalia, posed. de lingvolernejo, Wien
117. Sprinzel Hermine, ofic., Wien
118. Jünger Rosa, kontorist., Wien
119. Huber Anna, Wien
120. Fötinger Franz, instr., Salzburg
121. Fötinger Wilhelmine, Salzburg
122. Engler Rudolf, prokuristo, Klagenfurt
123. Kreutzer Michael, maŝinisto, Edelschrott
124. Hirsch Alf., d-ro, komerc., Horice o Padkokonoŝi, ĈSR
125. Schmid Leonhard, ĉeflern. instr., Klagenfurt
126. Schmid Josefine, Klagenfurt
127. Resch Franz, telegr. revidento, Wien
128. Mirwald Anton, ŝuisto, Linz
129. Legerer Heinrich, bakisto, Leoben
130. Dürschmid Karl, negocestro, Klagenfurt
131. Pfeifer Emil, d-ro, membro de LKK de 28-a, Wien
132. Hovorka Nikolaus barono, membro de LKK de 28-a, Wien
133. Taussig Alexander, farmacia mag., Wien
134. Chiba Leopold, eksofic., Wien
135. Nummelin Wanda-Eugenie, nacionalekonomistino, Tallinn
136. Chapron René, advokato, Le Mans, Franc.
137. Chapron sinjorino, Le Mans
138. Pöllinger Franz, Wien
139. Kleiner Josef, komercisto, Ruse, Bulgarujo
140. Hermann Marie, Wien
141. Peterson Gabriele, instr., Tallinn
142. Russmayer Lya, poŝtofic., Straßwalchen.
143. Demetler Leopold, ofic., Wien
144. Buchty Emilie, instruistino, Aachen
145. Oliver A. C., London
146. Went Dorothy Mary (f-ino), instruist., Romford, Anglujo
147. Robertson Robert, banka pensiulo, London
148. Holmes H. W., London
149. Holmes N. s-ino, London
150. Szyk Salomon, ĵurnalisto, Wilno-Polujo
151. Bálková Steva, instuistino, Praha
152. De Fillppo Diego (blinda), studento, Napoli-Ital.
153. Stellacci Agostino, Ŝipkapelano, Napoli-Ital.
154. Griendl Anna, sekretaria vidvino Wien
155. Siedl Ludwig, kalkulkons, Wien
156. Siedl Christine, edzino, Wien
157. Siedl Herbert, filo, Wien
158. Wiesinger Olly, Wien
159. Chudoba Karel, teknika oficisto, Bratislava
160. Neuzil Albin, lernejestro, Olomouc
161. Havas Julio, fervoja insp. Komarno-CSR.
162. Scholze Gustav, prof. inĝ. Reichenberg-CSR,
163. Saget Georg, ĥemiisto, Elbeuf.-Franc.
164. Bergmann Berta, instruistino, Reichenberg-CSR.
165. Huber Hans, lernejestro, Merkerdf.
166. Mudrak Walter, bankofic, Wien
167. Kyftenbelt RWF, Pastro, Utrecht-Nederl.
168. Bernard R, Bois Colombes-Franc.
169. Dercks J. Bergen op Zonn-Nederl.
170. Guglietminetti Laura s-ino, Torino
171. Gnglietminetti Chelia f-ino, stud., Torino
172. Bauer Hans, fakinstr., Stegersbach
173. Bauer Anna, edzino, Stegersbach
174. Winkelhofer Valerie, ofic., Wien
175. Ondryas Anny, Wien
176. Heeber, Dr. Wilh. kort. kons., Wien
177. Krausz Marie, Wien
178. Buchanan George Douglas, Glasgow, Skotlando

---

Imitinda Exemplo:

Ni ricevis jenan leteron:

Glasgow, 5. okt. 1935.

Al la tre estim. LKK de 28-a!

Estimataj kunbatalantoj,

kun granda plezuro mi havas la honoron kunsendi al vi dokumenton, kiun ni nomas anglalingve „Bank Draft" (ĉeko) de 45 svis. fr.

El la sumo 20 sv. fr. estas por la kotizo kaj la reston vi povos utiliĝi laŭ via bontrovo kiel mian libervolan donaceton al via kongresa kaso. Bedaŭre mi tute ne povos ĉeesti. Mi esperantiĝis en 1903 kaj estas n-ro 8820 en Nomaro de D-ro Zamenhof.

Kun sincera samideana saluto
mi restas vere via
George Douglas Buchanan.

Ni elkore dankas nian malnovan amikon. LKK.

## Efika varbado por nia 28-a.

„Heroldo de Esperanto" en ĉiuj numeroj ĝis nun jam faris grandan propagandon por nia 28-a, ĉiam sur la unua paĝo:

28. julio „Aŭstria registaro invitas al la 28-a en Wien"

4. aŭg. „Esperanto-poŝtkartoj en Aŭstrio"

11. aŭg. „Provizora programo" de 11. aŭg. ĝis 8. sept. ne raportis pro foresto de prez. Steiner

15. sept.: Bildo de kanceliero d-ro von Schuschnigg kun ties bonvenvortoj (kliŝoj)

22. sept. Bildo de ministro por eksteraj aferoj Barono Berger-Waldenegg kun ties bonvenvortoj (kliŝoj)

29. sept. Pli ol tuta paĝo „Unua voko el Wien", krome bildo kaj bonvenvortoj de ministro Fritz Stockinger (kliŝoj).

Ni ŝuldas grandan dankon al Heroldo, kiu vere efike kaj grandstile helpas la laborojn al la 28-a!

LKK de 28-a.

Heroldo de Esperanto faris grandan suprizon al la esperantistaro:

La prezo de ĉi tiu bonega gazeto, kiel sola semajna gazeto tiel grava kaj necesa gazeto, estas reduktita je 25%. Por Aŭstrio la jarabano kostos de 1. de okt. S 15.75, por 6 monatoj S 7.90, por 3 monatoj 4.75 kaj por 10 jaroj 79.—. La gazeto estas vere abonindа kaj subteninda! Steiner

---

## Viena Foiro kaj Esperanto.

Jam de pli longa tempo la Viena Foiro montris sian intereson al Esp. kaj direktoro barono Stetten laŭ propono de prokuristo Lehmann eldonigis belan gvidfolion en Esp., tradukitan de kort. kons. Steiner, por la Aŭtuna Foiro kaj ankaŭ disponigis po unu lokon en Messepalast (sufiĉe granda vando, bone aranĝita de s-anoj Denks

kaj Kaili) kaj en Rotunde en la plej bona, multfrekventita loko ĉe la pordego okcidenta, kie deĵoris fervore s-anoj Kraus kaj Kreutel. — Oni disdonis la verdan varbfolion kaj kartojn por sinanonco al la E.-kursoj Dankon al la Foiro por la senpage disponigitaj lokoj kaj al la deĵorintaj s-anoj pro ilia bona servado al E.

**Karaj legantoj**: En aŭgusto nenlam aperas E.-gazeto kaj la septembra numero nur nun aperas kune kun la oktobra, sed nur pro tio, ĉar mi estis for en la 27-a Univ. Kongreso en Roma kaj Napoli kaj poste dum preskaŭ 4 semajnoj je propagandvojaĝo en Bulgarujo. Tial la aperprokrasto de nia gazeto kaj mi petas, ke vi senkulpigu tion. Koran dankon: Steiner.

## Radio-Wien.

Denove okazas Radio-Esperanto-kurso! Ĉiun merkredon de 18 h 35 — 19 h s-ano Steiner gvidos ĉi tiun kurson. Je la fino de la kurso dum proksimume 5 minutoj okazos informoj pri la kongreso por la eksterlando. — La 23. de septembro la prezidanto de LKK por 28-a parolis el Radio-Wien en germana lingvo dum 20 min. pri la 28-a kaj la 8. de okt. li parolis al la eksterlandanoj en Esperanto de 22 h 40 — 22 h 50.

**Radio: Aŭskultu! Grave!**

La **24. de oktobro** je lo 22 h 40 parolos ano de LKK. s-ano Werner el Radio-Wien pri „Salzburg, la elirpunkto de nia kongresvojaĝo Tra Aŭstrio".

La **„Verda Stacio"** en Brno eldonas nun apartan bultenon en Esp. — La 2. okt. „Esperanta horeto" kun la radio-sceno „La mondo parolas" kaj la 30. okt. komenco de ciklo „Ĉeĥoslovakio laboranta" kun la paroladoj de 2 profesoroj de Karlo-universitato en Praha d-ro Kozak kaj Weingart. — Ni kore gratulas.

**Ministero per lå Stampa e la Propaganda en Roma** (Ministerio por la gazetaro kaj la propagando, ĝenerala direkcio por la turismo) dissendis en Esperanto »Kronikon pri l' turismo« kun indiko de la paroladoj, farotaj dum oktobro el Radio-stacio Roma en diversaj lingvoj, inter ili ĉiun sabaton en Esp. je la 18 h 25 (5. X. San Marino, 12. Al Abruzzo tra Lazjo kaj Umbrijo, 19. Respondoj al Radio-geaŭskultantoj, 26. La urbo de l' studoj en Roma). Tio okazas laŭ jena eldiro: »Mi deziras, ke Italujo estu vizitata de la plej granda nombro da fremdaj turistoj. Ili trovos belegan landon, ordeman kaj sincere gastaman popolon .... Mussolini.«

**Nederlanda Hindujo.** (Speciala raporto de amiko Haccou en Batoe): En la urbo Batoe kaj en Malang la esperantistaro bone kreskas dank' al la klopodoj de la Cseh-instruistoj ges-roj Schoutens. La 30. aŭg. mi ĉeestis pompan flor-korson en Malang kaj nia bela Esperanto-veturilo kun granda verda stelo kaj plena de Esp.-belulinoj, salutante ĉien la mirigitojn esperantlingve, frapis emocie la publikon. La urbestro akceptis la protektoraton de Malanga E.-Klubo kaj deziras erni E on.

**VI-a Ĉeĥoslovaka Kongreso Esperantista** okazis 27.—29. sept. en Brno. La Kongreso estis sub la prezido de prof. Kamaryt-Bratislava kaj prof. inĝ. Scholze-Reichenberg tre bone vizitata kaj faris bonan laboron. — Por UEA mi salutis la kongreson kaj samtempe por la 28-a mi invitis la ĉeestantojn al partopreno, kiu invito trovis bonan eĥon. Kelkaj tuj aliĝis, la reprezentantoj de la unuopaj grupoj prenis niajn kongresafiŝojn kaj promesis bonan varbadon kaj viziton en Vieno. Mi estas certa, ke la partopreno de niaj samideanoj el CSR estos granda kaj jam nun bonvenigas ilin. — Krom la laborkunsidoj okazis interkonatiĝvespero, Di-servo kaj Amuza Vespero, kies programo estis prezentita de TRAKT. — Dankon pro la amika akcepto! Steiner

**Oficiala Esperant-lingva disaŭdigo per la Brasila Radio.**

La registaro de Brazilo decidis apliki la lingvon Esperanto por la disradiado de la oficialaj fremdlingvaj bultenoj kun informoj pri Brazilo. Depost 2. de julio ĉiun mardon la stacio PRF. 5 (ondo 34.55 m) brodkastas Esperant-lingvan bulteno kun muziko kaj kanto en Esperanto de 20 h 15 — 20 h 20.

## Jugoslavaj esperantistoj — niaj gastoj.

La 15. sept. la samideanoj el Ljubljana kaj Jezenice sub la gvidado de lernejestro Golobiĉ faris ekskurson per 2 aŭtobusoj al Lago de Ossiach, kie ili estis atenditaj de membroj el la grupo Klagenfurt. Je belega vetero oni banis, boatis, kantis kaj babilante travivis gajajn horojn ĝis vespero, ĝis la deviga reveturo. Tre bela modelo de najbaraj translimaj interrilatoj estis ĉi tiu vizito.

Grupo Klagenfurt: Müller, Komposch.

**Aŭtunfoiro en Klagenfurt kaj Esperanto.**

En ĉi tiu foiro per la klopodoj de la vigla grupo loka de AEA estiĝis E.-ekspozicio. Dum 10 tagoj la membrojn de la grupo deĵoris tie, donante klarigojn pri nia lingvo kaj movado kaj varbante por la aŭtunaj kursoj. Ni danku al nia vigla grupo! AEA

**Komercista Esperanto-Unio**, Centra Oficejo en Dresden, nun havas filion „**Komercista-Unio en Schruns**, Vorarlberg" por Aŭstrio. Numero 22 de la oficiala Bulteno aldonita al ĉi tiu numero.

**Foiro de Reichenberg**, 18. — 25. aŭg. 1935 eldonis ankaŭ ĉijare belegajn grandajn afiŝojn, krome malgrandajn por elmetejoj kaj glumarkojn, ĉiujn en Esperanto.

**Publikan dankon** mi diras al **s-ano Bonini**, la multjara, ĉiam helpopreta delegito de UEA en Venezia, kiu en konata maniero multe helpis al la aŭstria karavano, veturinta al Roma. Steiner

**Danko!**

Mi dankas al d-ro Zausner en Lwow, al prof. Bujwid, s-ino Neuberg kaj d-rino Rosenthal en Krakow, al kortega konsilanto Hugo Steiner en Widn pro la servoj, kiujn ili faris al mi dum mia vojaĝo.

Julian Fechter el Parizo.

## Prof. P. Christaller 75 jara.

Paul Gottfried Christaller, kiu ne konas ĉi tiun nomon?

Li naskiĝis en Basel la 21. de aŭg. 1860 kiel filo de evangelia misiisto.

Kun fiero nia pioniro povas rerigardi la longan vicon de siaj laboroj por Esp.: 7 propagandaj broŝuroj, gramatika verko, la fama vortaro, formulo pri malarmo (trad), Propraj Nomoj, Al eterna Paco (trad el Kant), Modelaj leteroj por komercistoj (trad).

Christaller estas de 30 jaroj prezidanto de la grupo en Stuttgart, kiun li fondis; de 1913—1920 vicprez. de Germana E.-Asocio; Lingva Komitatano dekomence kaj Akademiano; membro de Intern. Kuratora Komitato de Int. Esperanto-Muzeo.

Ni deziras al li ĉion bonan al lia 75-jara naskiĝtago (iomete malfruigite) kaj ke li verku kaj vivu longe en sama freŝeco kaj vigleco, en kiu ni trovis lin nunjare dum la 27-a. IEMW, AEA, LKK de 28-a.

## Margaret Lily Blaise, L. K †

Denove ni perdis pionirinon el nia movado. M. S. Blaise elmondiĝis la 5. de aŭg. subite sen antaŭa malsano, post kiam ŝi nur 11. de junio estis festinta kun sia edzo la „Arĝentan edziĝjubileon". Vere tragike! Ni funebras pro la senlaca batalantino por Esperanto, sub ŝia fraŭlina nomo M. J. Jones fama verkistino kaj nia Lingvo Komitat-anino. Ŝia nomo eternigis en la historio de Esperanto kaj Internacia Esperanto-Muzeo. Inter la multaj amikoj, ĉe kiuj ŝi neniam estos forgesata, ankaŭ mi deziras esti. Ripozu en paco, kara samideanino! Steiner

Ges-roj **Albine kaj Josef Multrus** en Wien festis la 4. sept. sian oran edziĝfeston. Koran gratulon!

## La horloĝo.

Eksterlandanino, kiu ne bone komprenis la germanan lingvon, estis vokita al la loĝejo-tribunalo, ĉar ŝi laŭdire ŝtelis oran horloĝon. La tribunala juĝisto ne kredis ŝian kulpon kaj malkomdamnis ŝin. »Vi estas malkomdamnita«, diris la juĝisto. »Kion signifas tio?« »Tio signifas, ke la tribunalo konvinkiĝis pri via senkulpo«. »Ĉu tio signifas, ke la horloĝo nun estas mia propraĵo?

tradukita el la germana lingvo A. Multrus

## Esperanto-laboro farita en Aŭstrio dum 1935.

1. Reskripto pri instruado de fremdaj lingvoj en „Kaufmännische Wirtschaftsschulen" 35.528-II/7.
2. Decido de profesoraro en Welthandelshochschule pri fondo de Esperanto-lektorato.
3. Viena Aŭtun-Foiro po unu Esperanto-stando en du Foirpalacoj.
4. Ŝia moŝto princino Fanny Starhemberg, delegitino ĉe Ligo de Nacioj, parolis en Esperanto el Radio-Wien.
5. Gvidlibreto en Esperanto „Aŭstrio" 26-paĝa, kun multaj bildoj, eld. de Werbedienst de Ministerio por Komerco en 10.000 ekzempleroj kun surpresita invito al la 28-a Universala Kongreso de Esp.
6. Gvidilo de Brucknerlando, la plej bela ĝis nun en Esperanto aperinta.

Eld. de Fremdenverkehrsamt en Linz kiel propagandilo por la Bruckner-memorfesto.

7. La sama gvidilo en dua eldono, sed kun invito al la 28-a.

8. Fremdenverkehrsstelle Wien eldonis tre belan gvidilon.

9. Viena Foiro post 10-jara interspaco eldonis Esp.-propagandilon.

10. La preparaj laboroj por la 28-a estis finitaj jam en aprilo nunjara kaj prezentitaj al la estraro de UEA en Genève dum la Paska Konferenco. Granda kontenteco pri la faritaj laboroj, ĝis nun je tiu tempo unikaj en niaj kongresaranĝoj.

11. Varbnumero de Aŭstrio Esperantisto, 16-paĝa, kun la detala programo pri la 28.-a kun indiko de la horoj kaj la prezoj pri la diversaj ekskursoj aperis komence de julio kaj estis dissendita en 6500 ekzempleroj en la tutan mondon. Sed tiu numero de AE tiel plaĉis ĉie pro tio, ĉar ni sukcesis atingi la portretojn kaj bonvenvortojn, eĉ en Esperanto, kaj eĉ kelkajn manskribitajn, de nia Ŝtatprezidanto, ministroj, urbestro de Wien, princino Starhemberg, kaj ĉar la tuta aranĝo plaĉis al ili, kaj ĉar la unuan fojon en la aranĝoj de niaj Universalaj Kongresoj okazis, ke oni prezentis la tutan programon por la venontjara kongreso jam okaze de la jus okazanta. Ni povus publikigi multajn laŭdajn alskribojn, sed ni tion ne faras, ĉar dekdujara celkonscia gazeta laboro parolas por si mem!

12. Kongresafiŝo, skizita de s-ano inĝ. Hugo Steiner, en 5 koloroj, prezentita en Roma, plaĉis al la kongresanoj kaj en la aŭstriaj ministerioj. 4000 ekzempleroj dissenditaj kaj -otaj.

13. Laŭ la kongresafiŝo estis presitaj 20.000 kongres-glumarkoj en 5 koloroj, kiu stoko jam estas preskaŭ elĉerpita. Dua eldono en preparo.

14. Esperanto-kursoj en pli ol 50 lokoj en Aŭstrio kaj en Vieno estas kun granda peno preparitaj; komenco meze de oktobro. Por Vieno sinanoncoj al: Aŭstria E.-Asocio, Wien, I. Neue Burg.

15. 1000 afiŝoj pri kursanoncoj estis presitaj kaj dissenditaj en Aŭstrio kaj en Vieno al kelkcent organizoj kaj oficejoj ktp.

16. Al pli ol 200 s-anoj en Vieno estis sendita varbmaterialo por la kursoj.

17. Nova malmultekosta varbilo, verkita de s-ano E. Werner, eldonita en 10.000 ekzempleroj por subteni la varbadon. Mendeblaj po 100 je S. 1.50 ĉe AEA.

18. 5000 poŝtkartoj por kursanonco estis presitaj kaj grandparte disdonitaj dum la foiro.

19. En la Viena gazetaro la kursoj estis anoncitaj.

20. La belaj kongresafiŝoj kun aldona teksto pri la okazontaj kursoj estas publikigitaj sur la afiŝtabulegoj de WIPAG.

21. La 23. de septembro Radioparolado en germana lingvo pri „28. Univ. Kongreso de Esperanto" por informi la publikon pri la Kongreso kaj la okazigo de E.-kursoj en Aŭstrio.

22. La 8. de oktobro Radio-parolado en Esperanto pri la 28-a por la eksterlando.

23. Komencante je la 2. de oktobro Esperanto-kurso el Radio-Vieno regule ĉiun merkredon.

24. Komencante en oktobro dufoje dum monato krome Radio-paroladoj pri la 28-a.

25. Regula raportado en la en'anda kaj alilanda gazetaroj.

26. La Aŭstria Poŝto eldonos en oktobro nunjara serion da 50 bildkartoj kun klariga teksto en germana, angla, franca kaj Esperanto-lingvoj.

27. Ĝeneala Poŝtdirekcio de Aŭstrio presigos en la venontjara granda fervoja horaro de Aŭstrio la enkondukajn difinojn, klarigojn de signoj ktp., ĝis nun nur germane, france kaj angle, nun ankaŭ en Esperanto.

28. Ĝenerala Poŝtdirekcio de Aŭstrio enkondukos por 1936 en sia Postkraftwagenbuch la klarigojn en Esp.

29. Kursoj ĉe la poŝto.

30. Kursoj en la polica lernejo.

31. Krome la prezidanto de AEA kaj de LKK de 28-a estis je Pasko ĉe la estrarkunveno de UEA en Genève kaj raportis pri la 28-a.

32. Krome li estis je speciala peto de la Jugoslava Esperanto-Kongreso je Pentekosto en Ossijek, kie la kongreso decidis, ke la venontjara okazos nur post la 28-a en Ljubljana, por ke la jugoslavaj s-anoj povu partopreni en la 28-a.

33. Krome li estis ĉe la kongreso en Italujo ĉe la 27-a, faris tie propagandparoladon, donis informojn pri la 28-a, disdonis gazetojn kaj aliĝilojn kaj ĉiamaniere varbis por la 28-a.

34. Krome li faris vojaĝon al Bulgarujo fine de aŭgusto kaj sukcesis okaze de visito ĉe 6 ministroj, urbestroj ktp. atingi, ke 200 bulgaroj povos veni al la kongreso 1936, ke la ministro por financoj disponigos al ili aŭstrian valuton.

35. Krome la prezidanto sukcesis atingi, ke la bulgara registaro partoprenos en la Somera Universitato.

36. Krome li atingis, ke aŭstriaj eminentuloj partoprenos en Somera Universitato.

37. Krome li partoprenis la 28.-29. de septembro en Brno la 6. Ĉeĥoslovakan E.-Kongreson kaj sukcesis varbi multajn samideanojn por 28-a.

38. Krome li parolis el la Radiostacioj Varna kaj Sofia en Esperanto kun traduko en la bulgaran lingvon pri „Impresoj en Bulgarujo kaj la 28-a en Vieno".

Ni antaŭmetas la faritan laboron al viu prijuĝo, ĉu en Aŭstrio sufiĉe estas farita kaj ĉu en aliaj landoj oni pli multe laboris kaj atingis!!!

---

Niaj samideanoj en Aŭstrio ne postrestu, ili fariĝu helpantoj en la aŭstria movado kaj distribuu sian forton al la bona sukceso de nia 28-a. Ni volonte akceptos ilin kaj ĝojos pri ilia bonega kunhelpo en la efektivigo de la Zamenhofa ideo!

AEA kaj LKK de 28-a.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

## Al la Aŭstria Esperantistaro!

Por la tempo de la 8-a ĝis 15-a de aŭgusto 1936 estas invitita al Wien la 28-a Universala Kongreso de Esperanto. Antaŭzorgite de pli ol unu jaro, la detala programo estis preta jam antaŭ la 27-a Universala Kongreso en Roma kaj tiam komunikata al ĉiuj kongresanoj kaj baldaŭ poste al ĉiuj esperantistaj organizaĵoj en la mondo.

Pro tiuj bonŝancoj la varbagado de Aŭstria Esperanto-Asocio moviĝas tute sub la signo de la venonta kongreso. Por atentigi la publikon kaj okazigi kiel eble plej multajn kursojn en tiu ĉi aŭtuno, estas jus disdonitaj en tuta Aŭstrio 10.000 flugfolioj pri Esperanto, 1000 kursafiŝoj kaj 5000 anonciloj; kaj en la stratoj de Wien estas afiŝitaj 100 el la belaj kvinkoloraj kongresafiŝoj kun klariga aldono, invitanta al kursoj.

Sed ne nur en la ekstera propagando ni devas alceli la kongreson. Bona preparo de la kongreso entenas ankaŭ pli intensan agadon por plibonigo de la interna organizo. Aŭstria Esperanto-Asocio nun starigas la celon, por unuigi ĉiujn esperantemajn energiojn, atingi en tiu ĉi agadjaro **la aliĝon de ĉiuj Esperanto-grupoj** kaj laŭeble ankaŭ **de ĉiuj unuopaj esperantistoj** en Aŭstrio. Plej vere ni volas unuigi ĉiujn amikojn de Esperanto en Aŭstrio en unu granda spirita komunumo.

Tiu ĉi celo signifas por Aŭstria Esperanto-Asocio pli ol societan taskon, ĝi estas por ĝi necesaĵo kaj **devo**. Aŭstria Esperanto-Asocio kiel la landa organizaĵo estas **responda pri la ĝustacela organizado** de la Aŭstria Esperanto-movado. Tiu ĉi devo de la Aŭstria Esperanto-Asocio estas la devo de la Aŭstria esperantistaro. Ni volonte supozas, ke ĉiu, kiu komprenis la signifon de la mondhelplingvo, volas esti **esperantisto en la senco de kunlaboranto** en la movado. La minimuma plenumo de tiu ĉi tasko estas la membreco al Aŭstria Esperanto-Asocio, akirebla per jarkotizo de nur 2 S (por senlaboruloj kaj familianoj 1 S). Kiu ankoraŭ ne estas membro, nun aliĝu, kiu konas esperantistojn, kiuj ankoraŭ ne estas membroj, instigu ilin aliĝi.

La grandaj sukcesoj de la Esperanto-movado en Aŭstrio, kiuj kulminacios en la 28-a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno, estas eĉ pligrandigeblaj ankoraŭ per celkonscia perfektigo de nia organizacio. **Aŭstriaj esperantistoj, kuniĝu en Aŭstria Esperanto-Asocio!** AEA




Esperanto-Ekspozicio en la Foiro en Wien.

## Esperantokursoj en Aŭstrio.

En multaj lokoj de Aŭstrio okazos E.-kursoj sekve de la granda fortostreĉo de la samideanoj en la diversaj lokoj kaj de la klopodoj, faritaj de AEA kaj speciale de ties estrarano E. Werner. Ankaŭ en Wien AEA klopodis aranĝi kursojn, ĉar la grupoj en Wien escepte Esperanto-klubo, kvankam invititaj aranĝi kursojn, ne entreprenis la necesan laboron. AEA presigis grandajn afiŝojn kun indiko de la kurslokoj en Aŭstrio kaj dissendis ilin al la mendintaj grupoj kaj kursaranĝantoj en la liglandoj kune kun la nova varbfolio, verkita de s-ano Werner (100 pecoj S 1.50). Krome ni sendis al iil rekomendleterojn por la diversaj gravaj personoj kaj oficialaj administraroj, entute pli ol 200.

Por **Wien** AEA laboris tiamaniere: 600 afiŝoj estas dissenditaj al diversaj institucioj, oficejoj, grandmagazenoj ktp., krome al la grupoj por disdonado; 2500 kartoj kaj same multaj „verdaj folioj" estas disdonitaj en la Foiro; la gazetoj anoncis la kursojn; ili ankaŭ estis anoncitaj en la germana Radio-parolado la 23. de septembro; 100 kongresafiŝoj kun invita teksto por la kursoj estis fiksitaj al anonctabuloj en la urbo pere de WIPAG. Ĉiu samideano en Wien ankoraŭ nun klopodu varbi personojn por la kursoj!

**Katolika Diservo** okazos la 20. de okt. je la 10 h en la kapelo de Kath. Gesellenverein, Wien, 6. Gumpendorferstr. 39.

Koran gratulon al **s-ano Dürschmied**, gazetreferanto de la Esperanto-grupo Klagenfurt, okaze de naskiĝo de filino, kaj al ges-roj **Blasche-Strauss** okaze de ilia geedziĝo.

**D-ro A. Mildwurf en Danujo.** Kiel ni aŭdis, s-ano d-ro A. Mildwurf revenis el Danujo de sukcesplena parolad- kaj propagand-vojaĝo. Koncernan raporton ni publikigos.

## Niaj Ŝtataj Esperanto-ekzamenoj.

Kiel konate jam de multaj jaroj funkcias sub la direktoreco de iama Landa lernejinspektoro kortega konsilisto d-ro Franz Wollmann ŝtata ekzamenkomisiono en Wien. Ne sufiĉaj samideanoj el nia lando ĝis nun trapasis la ekzamenon, kiu estas a) por Kapableco kaj b) por Esperanto-instruado en lernejoj.

Ni deziras aranĝi, por helpi al la instruotaj, en Wien kaj eventuale en la ĉefurboj de la liglandoj kursojn por niaj samideanoj, sed tio dependas de viaj sinanoncoj al tiaj kursoj. Eventuala skriba kurso povos ankaŭ okazi. Anoncu vin multnombre en via propra intereso kaj en tiu de Esperanto. AEA

---

**Innsbruck:** La gazetoj raportis pri ĉiuj aranĝoj kaj la E.-Radiokurso.

**Klagenfurt:** La gazetoj (3) afable raportas pri ĉiuj E.- aranĝoj.

Niaj ges-anoj en **Klagenfurt** kaj **Innsbruck** akceptu mian koran dankon nome de AEA por ilia grandioza, senlaca klopodado, montri al niaj gastoj, ke Esperanto trovis belan hejmon en Aŭstrio. Speciale mi dankas al niaj s-anoj Müller, Schmidt kaj Komposch en Klagenfurt, kiuj bonege aranĝis eĉ ĉiujn detalojn; sed same mi dankas speciale al s-anoj Kühbacher, kiu oferis 5 tagojn de sia mallonga libertempo, kaj d-ro Blaas, kiuj bonege gastigis niajn amikojn el eksterlando. Koran dankon. AEA: Steiner.

**Natters** (Tirol): Nia konata s-ano d-ro Blaas faris vojaĝon al la Cseh-Instituto, frekventis seminarion por Cseh-instruistoj kaj faris aron da lumbildparoladoj pri Tirolo (la bildojn disponigis Fremduloficejo por Tirolo). Lian paroladon mallongigite parolis el Radio-Lille s-ano Curnelle. 3 gazetoj en Innsbruck publikigis longan artikolon de d-ro Blaas pri „Persona fremdulvarbado", kio certe multe helpos al multnombra frekvento en la kursoj en Innsbruck. Gratulon al nia d-ro Blaas. AEA

**Wien.** Katolika Unuiĝo Esperantista Wien nun denove regule kunvenos merkrede 18—20h I. Freyung 6, granda teretaĝ-salono. Tre interesaj paroladoj pri Katolika Kongreso en Prag kaj Univ. Kongreso en Roma. Parolos Honorprez. Chiba kaj s-ino Feichtinger.

**Esperanto-Klub** en Wien nun aranĝas siajn kunvenojn ĉiun **mardon** de 19h—22h en la klubejoj de „Verband österr. Philatelistenvereine" **Wien, I. Wallnerstr.** 6, 1. pordo dekstre en la domenirejo. De la 19h ĝis la 20h kurso por progresintoj (senpage), poste ekzercado kaj ludo kaj kantoj. Elspezoj po persono 15 g. Vian buterpanon kunportu kaj manĝu dum la paŭzo. Venu multnombre kaj venigu gastojn! La du unuaj kunvenoj estis tre bone vizitataj.

## Ludo.

La ludantoj sidas ĉirkaŭ la tablo. Unu el ili diras: „Mi estis en granda butiko kaj aĉetis ĉapelon". La apude sidanta persono ripetas la frazon kaj aldonas la novan de nova objekto. Jene: Mi estis en granda butiko kaj aĉetis ĉapelon kaj libron. La tria persono diras: Mi estis . . . libron kaj buterpanon.

Ekzercu ankaŭ per alia temo, ekz.: Mi ekskursis kaj vidis belan monton, ĉarmajn valojn . . .

## Silabkrucvortenigmo.

Karl Haager.




**Horizontale:** 1. Malagrabla korpa sento. 4. Alta grado de inklino al iu. 5. Malpurajo. 7. Perforte forpreni. 8. Parto de la homa korpo. 9. Nutraĵo 11. Kaptilo 12. Dolĉa suko 14. Birdo. 19. Fabel-estaĵo. 17. Malagrabla sento. 19. Forte movi ion tien kaj reen. 20. Ago, por atingi celon, ne rimarkite de alia. 21. Aro da homoj. 23. Baptnomo. 24. Homo, ne havanta konstantan loĝlokon.

**Vertikale:** 1. Teksaĵo. 2. Konstruaĵo. 3. Ŝtonego. 4. Arbo. 6. Manĝebla vegetaĵo. 10. Eligi ion tra la buŝo. 11. Necese por la trajno. 13. Riverfiŝo. 14. Kapkovraĵo. 15. Decidigi la sorton. 16. Pordo aŭ nordego. 18. Mara fiŝo. 22. Muzika sono. 23. Tanita felo. 25. Granda akvujo.

**Korespondas:**

S-ano **Vozovĵenskij**, **Odessa**, USSR, Saboneev Most 4, Dum Uĉanih, Esperanto-grupo; pri kursgvidado de infanoj, sciencaj afer oj.

**Leterkesto.**

**Dr. Halbedel, Ried.** Via artikolo „La Kongreso de la patriotaj kosmopolitoj" aperos en la venonta numero.

# Die zweite Sprache für Alle

Deutscher Teil der Zeitschrift „Oesterreichischer Esperantist"

Nr. 9/10 September—Oktober 1935

Für Oesterreich jährlich mit Postzusendung S 1.—, Ausland S 1.60
Mit „Oesterr. Esperantist" 8 Seiten Quartformat S 4.60, Ausl. S 5.60
Schriftleiter: Hofrat Hugo Steiner und Rudolf Ulbrich
Wien I. Neue Burg Konto bei der Postsparkasse D-123.826

## Aus aller Welt.

Verehrte Leser: Des nächstjährigen 28. Esperantokongresses wegen mußte die Julinummer **ausfallen**; im **August** erscheint die Zeitung nicht und so erhalten Sie die September-Oktober-Nummer erst jetzt. Bitte diese Verspätung zu entschuldigen, aber der Herausgeber war beim Kongresse in Rom-Neapel und dann auf einer Werbereise in Bulgarien, und so entstand die Verzögerung.

**Radio-Wien.**

Allwöchentlich Mittwoch von 18 h 25 bis 19 h findet, beginnend mit 2. Oktober, ein Esperantokurs statt. Verwendet wird das Lehrbuch „Freude durch Esperanto". Kursleiter Hofrat Hugo Steiner. — Am 8. Oktober um 22 h 40 Vortrag für das Ausland in Esperanto über den 28. Esperanto-Weltkongreß in Wien 1936.

**Esperanto-Gottesdienst** wird am 20. Oktober vom Kath. Esperanto-Verein in der Kapelle des kath. Gesellenvereines Wien, 6. Gumpendorferstraße 39, um 10 h vorm. veranstaltet. (Hl. Messe mit Esperanto-Predigt sowie Gebete und Gesänge in Esperanto).

**Esperantokurse** finden in vielen Orten Oesterreichs statt und in Wien voraussichtlich in allen Bezirken entsprechend der Zahl der Anmeldungen. Beginn der Kurse Mitte Oktober. Anmeldungen an Oesterr. Esperantobund, Wien, I. Neue Burg (Tel. R 27803). Als gute Wiederholung diene der Esperantokurs von Radio-Wien.

Der **Esperanto-Klub** veranstaltet jeden **Dienstag** seine Zusammenkünfte im neuen Heim Wien, **I. Wallnerstr. 6** in den Räumen des „Verbandes österreichischer Philatelistenvereine", 1. Tür rechts im Hauseingang. Von 19h — 22h. Gäste willkommen.

Das **Ministerium für die Presse und Propaganda in Rom** hat dem Wunsche Mussolinis entsprechend: »Ich wünsche, daß Italien von der größten Zahl fremder Touristen besucht werde. Sie werden ein herrliches Land vorfinden, ein ordnungsliebendes und aufrichtig gastfreundliches Volk . . . . Mussolini« eine große Propaganda für Italien durch Radio Rom in den verschiedensten Sprachen, darunter in Esperanto eingeleitet. Das gesamte Programm wird in den verschiedenen Sprachen versandt, auch in Esperanto. Esperanto-Vortrag jeden Samstag von 18 h 25.

Die **Internationale Messe in Lyon** hat eine Serie von 23 schönen Photo-Ansichtskarten von Lyon und der Messe, in Esperanto beschriftet herausgegeben und wirbt damit für die Messe, im März 1936.

Die **Radiostation Brünn,** bekannt unter dem Titel „Verda stacio" (die grüne Station), gibt ein eigenes Bulletin in Esperanto unter dem Titel „Ĉeĥoslovaka Radio-Bulteno" heraus. Am 2. Oktober wurde eine Radioszene „Die Welt spricht" gegeben und am 30. Oktober von 22 h 15 — 22 h 30 beginnt in Esperanto der Zyklus „Die schaffende Tschechoslowakei" (Ĉeĥoslovakio laboranta). Es sprechen die Professoren der Karl-Universität in Prag, Dr. Jan Blahoslav Kozák und Dr. Miloš Weingart.

**Brasilien**. Die brasilianische Regierung entschied Esperanto für die Sendungen von fremdsprachigen offiziellen Nachrichten über Brasilien zu verwenden. Diese Sendungen finden von der Station PRF. 5 (Welle 34.55 m) jeden Dienstag um 20 h 15 statt.

**Deutschland**. Der Organisationsausschuß für die 11. Intern. Olympiade in Berlin 1936 hat einen Werbeaufsatz unter dem Leitwort „Ich rufe die Jugend der Welt" in Esperanto-Uebersetzung in alle Welt versenden lassen.

**Niederl. Indien** (Spezialbericht unseres Freundes Haccou in Batoe): In der Stadt Batoe und in Malang wächst unsere Bewegung ausserordentlich. Am 30. Aug. fand in Malang ein Blumenkorso statt, bei dem ein Esperanto-Wagen mit einem großen grünen Stern und voll mit schönen Esperantistinen vom Publikum freudig begrüßt wurde. Der Bürgermeister will jetzt Esperanto lernen.

**Esperanto in medizinischen Zeitungen**. Nebst französischen und belgischen medizinischen Zeitungen hat nun die große internationale medizinische Zeitschrift „La Medicina Catalana" begonnen, ihre Hauptartikel in Form von Resumés in Esperanto zu veröffentlichen.

Die jüdische Tageszeitung **„Doar Hayon"** in **Palästina** brachte am 25. Juli einen Artikel, in welchem der Empfang Seiner Exzellenz des Herrn Weihbischofs von Prag Dr. Anton Eltschker, des Präsidenten der Kath. Esperanto-Organisation in der Tschechoslovakei anläßlich seiner Pilgerfahrt nach Palästina seitens der Leiter der Esperanto-Organisation in Jerusalem gemeldet wird.

## Der 28. Esperanto-Weltkongreß 1936 in Wien.

„Der Kongreß in Italien ist erfolgreich zu Ende geführt, es lebe der Kongreß 1936 in Wien!" „La kongreso en Italujo sukcese finiĝis, vivu la kongreso 1936 en Vieno!" Mit diesen Worten, die begeisterten Beifall fanden, beendete der Präsident der Esperanto-Weltorganisation, General Bastien aus Paris die Schlußsitzung des 27. Esperanto-Weltkongresses in Neapel im prächtigen Theater aus der Zeit der Bourbonen.

Der diesjährige Esperanto-Weltkongreß war wirklich ein Ereignis, nicht der Zahl der Teilnehmer wegen — es waren etwas weniger als beim vorjährigen Kongresse in Stockholm —, sondern der Förderung seitens der Regierungstellen und der übrigen Behörden wegen, die in den drei Kongreßstädten Florenz, Rom und Neapel einander in Entgegenkommen überboten. In Florenz fand die feierliche Eröffnung der Sommer-Universität mit einer Vorlesung über Dante in Esperanto vor einem Publikum aus 37 Ländern statt; in Rom wurde der Kongreß selbst durch Minister Dumidei im Namen des Königs und des Duce eröffnet. Der Gouverneur von Rom lud die 1700 Kongreßteilnehmer in den Park seines Sommersitzes ein und bewirtete sie. Und auch der Bürgermeister von Neapel lud die Esperantisten als Gäste in den großen Saal des Palazzo Vecchio.

Dem italienischen Kongresse schloß sich eine Seefahrt mit dem schönen Dampfer „Sinaia" an, um den Teilnehmern in 7-tägiger Fahrt Palermo—La Valette auf Malta—Tripolis mit einer Oase — Sirakus — Portoferraio auf Elba und schließlich Genua zu zeigen.

Als Vorsitzender des Vorbereitenden Ausschußes für den Esperanto-Weltkongreß in Wien 1936 hatte ich die

Ehre, die in Italien anwesenden Kongreßteilnehmer zum Besuche des österreichischen Kongresses einzuladen.

Die überaus freundschaftliche Einstellung den Esperantisten Oesterreichs gegenüber findet seine Begründung in der vornehmen Form, mit welcher unsere Regierung den ideellen, für das praktische Leben so notwendigen Bestrebungen der Esperanto-Bewegung entgegenkommt und sie fördert. Unser Gesandter in Stockholm, Baron Sommaruga, hatte schon beim vorjährigen Kongresse in Stockholm namens der österreichischen Regierung den Kongreß für 1936 nach Wien eingeladen und es weckte großen Beifall und hat sicherlich zu dem nachfolgenden Abstimmungsergebnis beigetragen, daß für Oesterreich gegen Frankreich und Spanien als Kongreßland für 1936 entschied, daß unser Gesandter sich bei dieser Einladung der Esperantosprache bediente und so zu den Vertretern von fast 40 Ländern direkt sprach ohne das zeitraubende und ermüdende Uebersetzen in so viele andere Spr achen. Er sprach zu den Herzen der Esperantisten selbst. Auch beim Kongresse in Rom lud der österreichische Geschäftsträger, Legationsrat Rotter, in Esperauio zu recht zahlreichem Besuche in Wien 1936 ein. Allen Esperantisten jedoch bleibt es stets eine schöne Erinnerung, daß unser Handelsminister Stockinger — als erster Minister in der Welt — sich vermittels Esperanto im Rundfunk an das Ausland wandte und damit die Esperantisten Europas zu Freunden Oesterreichs machte.

Wir Oesterreicher können zwar den Teilnehmern am nächstjährigen Kongresse nicht die Altertümer von Florenz und Rom bieten, wir haben keinen Vesuv und daher kein Pompei und Herculanum, auch kein Capri, Sizilien und kein Tripolis. Wir können aber unseren Freunden aus aller Herren Welt ein prächtiges Stück Land zeigen — Oesterreich —, ein Land wie es in solcher Verschiedenheit und Schönheit der Landschaft auf so kleinem Gebiete nirgends in der Welt mehr zu finden ist; wir können den Fremden ein aufstrebendes Land zeigen, das auch seinen Platz an der Sonne verlangt und auch behaupten kann und will, mit einer liebenswürdigen, gastfreundlichen, stets hilfsbereiten Bevölkerung, wir haben unser schönes Wien mit seinen in aller Welt bekannten Kulturstätten, wir haben unsere Musik, unser Lied, unseren weltbekannten Humor!

Wir sind Oesterreich! und rufen den Esperantisten in aller Welt zu „Aŭstrio invitas vin! Oesterreich ladet ein!

Unser Bestreben ist es, den nächstjährigen Kongreß möglichst schön, großzügig zu gestalten, damit er der größte und schönste der bisherigen Kongresse werde. Es ist dies nicht leicht, denn Genf, Washington, Paris, Haag, Dresden, Oxford, Edinburgh, Prag, Helsinki, Stockholm, Budapest, Rom, Barcelona, Antwerpen und viele andere sind die Vorgänger.

Die Vorbereitungsarbeiten für den Kongreß sind in großen Zügen bereits beendet; sie haben vor einem Jahre unter der vollen Förderung der Regierung und des Herrn Bürgermeisters, Vizekanzlers a. D. Richard Schmitz, begonnen.

Den Vorsitz im Ehrenausschuß für den 28. Esperanto-Weltkongreß hat unser Herr Bundeskanzler übernommen, in den Ehrenauschuß sind die Herren Minister, Staatssekretäre, Landeshauptleute, der Bürgermeister von Wien, Fürstin Fanny Starhemberg und eine Reihe anderer Persönlichkeiten eingetreten.

Der vorbereitende Ausschuß hat seinen Sitz in Wien in der Neuen Burg.

Der Kongreß in Wien wird voraussichtlich einige Tausend Esperantisten aus aller Welt im nächten Jahre nach Wien bringen und dauert vom 8. bis 15. August.

## Vorschlag zur Gründung einer esperantistischen Genossenschaft.

Um die Werbemöglichkeiten des österr. Esperanto-Bundes zu vergrößern und seiner Tätigkeit eine breitere und festere finanzielle Grundlage zu geben, beabsichtigen einige Freunde der österreichischen Esperantobewegung, Leitungsmitglieder der AEA u. a., eine »Genossenschaft zur Verbreitung und Anwendung der Welthilfssprache Esperanto« (solchen oder ähnlichen Titels) ins Leben zu rufen. Diese Genossenschaft soll jedem Esperantisten und Freunde des Esperanto die Möglichkeit geben, mit einem oder mehreren **Anteilscheinen à 10 S** sein verfügbares Geld zum Nutzen der Esperantobewegung und zugleich zu seinem eigenen anzulegen. Die Verzinsung soll nicht höher sein als höchstens 2% über dem normalen Bankzinsfuß, ein allfälliger Ueberschuß hätte der Esperantopropaganda in Oesterreich zugute zu kommen.

Als **Zweck** dieser Genossenschaft kommt vor allem die Herausgabe von **Esperanto-Druckwerken** in Betracht, z. B. aufklärende Broschüren, ein neuer »Schlüssel«, Lehr- und Wörterbücher und Buchverlag im allgemeinen. Sobald es die Mittel erlauben, soll hiezu ein eigenes Lokal aufgenommen werden und darin einem (später eventuell mehreren) arbeitslosen Esperantisten Beschäftigung und Verdienst geboten werden. Dieses Lokal würde zugleich den Grundstock für ein zukünftiges gesichertes **Esperantoheim** bilden.

Dieser Plan ist keine Utopie. Die Brita Esperanto-Asocio hat sich auf ähnliche Weise ein Sekretariat und ein eigenes Auto geschaffen und so ihre Werbetätigkeit, gestützt von einer starken Zentrale, in alle Teile des Landes getragen. Was in England möglich war, kann in Oesterreich nicht grundsätzlich unmöglich sein. Es bedarf nur eines gewissen Einsatzes und gut kaufmännischer Durchführung. Was der Esperantobewegung fehlt, ist ein gesunder Geschäftsgeist, der dem idealen Ziele der Bewegung die realen Mittel zur Verwirklichung der weiten Anwendungsmöglichkeiten dieser einzigartigen Welthifssprache beschafft.

Wir ersuchen hiemit alle Leserinnen und Leser, die für diesen Plan Interesse haben, uns mit einer Karte mitzuteilen, ob sie zustimmen und wieviel Anteilscheine à 10 S sie gegebenenfalls übernehmen wollen. Einschlägige Anregungen und Wünsche mögen uns baldigst mitgeteilt werden, damit sie bei der Ausarbeitung des Statuts berücksichtigt werden können. AEA

---



---

**Eigentumer, Herausgeber und verantwortlicher Redakteur: Hofrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Druck: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.**